17 a JARO MAJO-AŬGUSTO 1926 N. 5—8

# Brazila  Esperantisto

OFICIALA ORGANO DE
BRAZILA LIGO ESPERANTISTA
Societo de publika utileco, laŭ registara dekreto N. 4356, 26 Oktobro 1921
*Respondeca redaktoro (redactor principal)-s-ro Carlos Domingues.*
REDAKCIO—Praça 15 de Novembro, 101
RIO DE JANEIRO — BRAZILO



**Aliĝu al la Oka Brazila Kongreso de Esperanto**
**21-24 Novembro 1926**



VICTORIA -- Ĉefurbo de Ŝtato E. Santo, kie okazos la kongreson

# BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

**(Liga Esperantista Brasileira)**

**B. L. E.**

*(Reconhecida de Utilidade Publica por Decreto n. 4356, de 26 de Outubro de 1921)*

Unuiĝo Kreas Forton

## ESTATUTOS

Art. 1° — A BRAZILA LIGO ESPERANTISTA (B. L. E.), fundada em 21 de Julho de 1907, com séde na cidade do Rio de Janeiro, tem por fim :

a) Dirigir a propaganda geral do Esperanto no Brasil ;
b) Fazer propaganda do Brasil no estrangeiro por meio do Esperanto ;
c) Colligar e auxiliar os grupos esperantistas ;
d) Organizar regulamentos para exames de Esperanto e dar os respectivos diplomas ;
e) Promover a creação de cursos superiores e por correspondencia ;
f) Representar a opinião dos esperantistas brasileiros que lhe forem filiados ;
g) Superintender a organização de congressos brasileiros de Esperanto ;
h) Editar o BRAZILA ESPERANTISTO.

Art. 2° — A «Brazila Ligo Esperantista» consiste de:

a) Socios fundadores ;
b) Socios isolados ;
c) Socios bemfeitores ;
d) Socios honorarios ;
e) Grupos filiados (sociedades, associações, clubs, etc.).

§ 1° — São socios fundadores todos os que se achavam quites em 13 de Dezembro de 1913.

§ 2° — São socios isolados todos os que pagam uma contribuição annual de 5$000.

§ 3° — E' socio bemfeitor toda a pessoa que fizer á B. L. E. uma doação de, pelo menos, 200$000.

§ 4° — E' socio honorario toda a pessôa que prestar grandes serviços á B. L. E. Este titulo será dado por um congresso brasileiro de Esperanto.

§ 5° — São grupos filiados todos os que, acceitando este regulamento, pagam uma quota annual de, pelo menos, 15$000, correspondente a seis socios, á razão de 2$500 cada um.

§ 6° — Os pagamentos são feitos adiantadamente.

Art. 3° — A «Brazila Ligo Esperantista» não intervem nas questões que dizem respeito á vida interna dos grupos filiados, que podem livremente agir, segundo os seus estatutos,

Art. 4° — Os socios têm direito a:

a) Receber gratuitamente o «Brazila Esperantisto» orgam official da B. L. E.
b) Gosar de abatimento nos livros ou outras publicações feitas pela B. L. E.

1° — Os grupos filiados podem, gratuitamente, publicar no orgam official informações sobre movimento esperantista local.

Art. 5° — A «Brazila Ligo Esperantista» reunir-se-á em sessões ordinarias de seis em seis mezes nas quaes tomarão parte os membros da directoria, os socios isolados e os delegados dos grupos filiados.

§ 1° — Os membros da directoria e os socios isolados têm direito a um voto cada um.

§ 2° - Os delegados de grupo filiado têm direito a tantos votos quantas vezes a contribuição total do grupo contiver a quota annual de um socio isolado. Estes votos poderão ser accumulados por um delegado ou repartidos por dois ou mais.

Art. 6° — A «Brazila Ligo Esperantista» será dirigida por uma directoria composta de um presidente, um vice-presidente, um secretario geral, dois secretarios e um thesoureiro.

§ unico — A directoria será eleita durante os Congressos Brasileiros de Esperanto, ou em assembléa geral se houver um intervallo superior a dois annos entre dois Congressos.

.............................................

## ESTRARO de B. L. E.

*Honora prez* — D-ro Everardo Backheuser.
*Prezidanto* — Inĝ. A. Couto Fernandes.
*Vicprezidanto* — D-ro Venancio da Silva.
*Ĝenerala sek* — Inĝ. L. C. Porto Carreiro Neto.
*1ª sek* — S-ro Odilo Pinto.
*2ª sek* — F-ino Yrany Baggi de Araujo.
*Kasisto* — S-ro E. Felix Tribouillet.

———

## GRUPOJ ALIĜINTAJ AL "B. L. E."

1. BRAZILA KLUBO «ESPERANTO». (1906) Sidejo : *Praça 15 de Novembro, 101, Rio de Janeiro.*
2. ESPERANTO - KLUBO DE ARACAJU'.(19..) Sidejo : *Aracajú, Sergipe.*
3. VIRINA KLUBO. (1912) Sidejo : *Praça 15 Novembro 101, Rio de Janeiro.*
4. GRUPO ESPERANTISTA «COUTO FERNANDES». (1914). Sidejo : *Rua Collares Moreira, S. Luiz. Maranhão.*
5. NOVA SAMIDEANARO. (1919). *Rua Barão Branco. Fortaleza. Ceará.*
6. ESPERANTISTA RONDETO «VERDA S... LO». (1919). *São Bonifacio. Correio de The... polis. Sta. Catharina.*
7. VERDA STELARO. (1920). *Rua Paysandú, ... Pelotas. Rio Grande do Sul.*
8. LABORISTA ESPERANTISTA GRUPO.(1... *Camerino, 16. Rio de Janeiro.*
9. ESPERANTA SOCIETO DE BAHIA (1922) ... *ranjeiras, 11. S. Salvador. Bahia.*
10. GREMIO ESPERANTISTA EVERARDO B... CKHEUSER. (1923) . *Sete Setembro, 116 Porto Alegre. Rio Grande do Sul.*
11. BRAZILA KLUBO ESPERANTISTA DE ME... DICINO-STUDENTOJ. (1924). *Fakultato de ... dicino. Praia Vermelha. Rio de Janeiro.*
12. POPULARA ASOCIO ESPERANTISTA. (1... *Rua Vergueiro, 64. S. Paulo. S. Paulo.*

# BRAZILA ESPERANTISTO



OFICIALA ORGANO

de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

17-a Jaro | Numero 5-8

Aliĝo al B. L. E. 5$000
Eksterlande Sv. fr. 4

Majo-Aŭgusto 1926

REDAKCIO—Praça 15 Novembro, 101
RIO DE JANEIRO — BRAZILO


## BRAZILA REGISTARO KAJ ESPERANTO

D-RO AFFONSO PENNA JUNIOR

Honoras hodiaŭ nian unuan paĝon la portreto de d-ro Affonso Penna Junior, Ministro de Internaj Aferoj en nia lando.

Sincera amiko de la noblaj idealoj li estas efektiva prezidanto de la Brazila Skoltaro, kiu al li ŝuldas sian grandan progresigon dum la lastaj monatoj.

D-ro Affonso Penna diversfoje montris sian simpation por nia movado. Li permesis, ke lia nomo estu enskribita en la invitoj por la festo, per kiu la esperantistoj memorigis la dudekan datrevenon de la komenco de la efektiva propagando de Esperanto en Brazilo, kaj en ĝi sin reprezentis.

Per lia instigo la Brazila Registaro estas reprezentita en la 18a Universala Kongreso de Esperanto per nia ĉefredaktoro kaj prezidanto de *Brazila Klubo Esperanto*, d-ro Carlos Domingues.



*D-ro Affonso Penna Junior*
*Ministro de Interno*

Ankoraŭ tre juna, la nuntempa Ministro de Internaj Aferoj, kiu jam estis deputito, daŭrigas la brilan agadon de sia patro, la bonmemora d-ro Affonso Penna, kiu estis tre laborema prezidanto de Brazilo kaj dum kies prezidanteco estas publikigita la Bulteno Memoriga de la Nacia Ekspozicio redaktita en tri lingvoj: portugala, franca kaj Esperanto.

Al d-ro Affonso Penna Junior la sinceran dankon de la brazila esperantistaro.

## 18a Universala Kongreso de Esperanto

Brazila Registaro sendis oficialan delegiton

La 17an de Julio forveturis al Eŭropo por partopreni la 18an Universalan Kongreson de Esperanto, okazontan en Edinburgo, nia ĉefredaktoro, d-ro Carlos Domingues, prezidanto de B. K. E. kaj ĉefdelegito de U. E. A., kiel oficiala reprezentanto de Brazila Registaro. Li ankaŭ reprezentis Brazilan Ligon Esperantistan kaj la jenajn gravajn societojn: Societo de Geografio, Klubo de Inĝenieroj, Komerca Asocio de Rio de Janeiro, Federacio

de la Brazilaj Komercaj Asocioj, Asocio de Komercoficistoj kaj Brazila Instituto de Kontoscienco.

«O Globo» publikigis la apudan fotografaĵon, kie oni vidas d-ron Carlos Domingues kaj kelkajn geesperantistojn, kiuj ĉeestis lian enŝipiĝon.

Por montri kiel brile li plenumis sian taskon ni citas, kion diris «Heroldo de Esperanto»: «Sekvas la parolo de la *delegito* de *Brazila Registaro*, kies nomon mi bedaŭrinde ne povis noti. Lia klara voĉo, bona elparolo montris al ni, kiom nia lingvo estas facila ankaŭ por sudamerikanoj kaj kiel elegante ĝi estas tie parolata. Li atentigas nin, ke lia registaro sendas delegiton al la Kongreso de Esperanto, kio plej bone pruvas la grandan intereson de lia registaro por nia movado.»



*Forveturo de d-ro Carlos Domingues*

Post lia parolado, kiu estas varme aplaŭdita s-ro Page, prezidanto de la Kongreso, salutis la Brazilan Registaron.

«Jornal do Brasil» publikigis longan telegramon ricevitan de «Agencia Americana» enhavantan la tutan paroladon de d-ro Carlos Domingues. Per ĝi oni eksciis ke d-ro Page, prezidanto de la kongreso, salutis la Brazilan Registaron pro ĝia apogo de longe donita al la propagando de Esperanto.

Ankaŭ «O Jornal» kaj «O Globo» publikigis telegramojn pri la malfermo de l'kongreso kaj «A Patria», «Jornal do Brasil», «O Paiz», «O Jornal» kaj «O Globo» aperigis fotografaĵon de la kongresejo.

## ZAMENHOFA MONUMENTO

*Solena inaŭguro*

La 18an de Aprilo, antaŭ ĉeestantaro de ĉirkaŭ 500 homoj, inter kiuj reprezentantoj de registaroj, komunumoj kaj esperantistaj societoj, okazis la solena inaŭguro de la monumento konstruita sur la tombo de d-ro Zamenhof.

Je la 11a, s-ro Essigman anstataŭanto de d-ro W. Robin, prezidanto de la Loka Monumenta Komitato, kiu pro malsano ne povis ĉeesti, rakontis pollingve la historion de la Monumenta Komitato de ĝia fondo ĝis la lastaj tagoj. Poste li salutis esperante la reprezentantojn de la eksterlanda Esp. movado kaj invitis d-ron Odo Berjwin al la malkovro de la monumento.

Tiu ĉi, en la nomo de I. C. K., diris kelkajn vortojn kaj malkovris la monumenton, kiu estis kovrita per nigra tuko.

Tiam la ĥoro kantis la himnon «La Espero».

Poste parolis ministro Grabowski, en la nomo de l' Pola Registaro, subkonsilanto s-ro Mayzel, kiel reprezentanto de la municipala estraro, Superrabeno prof. d-ro Schorr, en la nomo de la tuta Varsovia hebrearo, kaj d-ro Bychowski, en la nomo de la Unuiĝo de Kuracistoj de Polujo.

S-ro Adão Zamenhof, en la nomo de la tuta familio Zamenhof, metis sur la tombon belan florkronon. Poste aliaj kronoj, multaj senditaj de esperantistaj societoj, estas metitaj sur la tombon.

Fine paroladis d-ro Leo Belmont, kiu fermis per ora ŝlosilo la belan kaj kortuŝan ceremonion.

Dum la tuta tempo laboris fotografistoj kaj kinematografaparato. Multaj polaj kaj eksterlandaj gazetoj raportis pri la soleno.

## 19 Congresso Universal de Esperanto

O *Comité* Central Internacional do movimento esperantista decidiu acceitar o convite feito pela Associação Esperanto de Dantzig e da Feira Internacional de Dantzig para que o 19º Congresso Universal de Esperanto se realize nesta cidade, de 28 de Julho a 4 de Agosto de 1927.

Por occasião do Congresso será festejado o 40° anniversario do apparecimento do primeiro manual dessa lingua auxiliar internacional.

Depois do congresso será organizada uma caravana que visitará o monumento erigido sobre o tumulo de Zamenhof, ha pouco tempo inaugurado, em um dos cemiterios de Varsovia.

## Oka Brazila Kongreso de Esperanto

Victoria — E. Santo

La Organiza Komitato de la Oka Brazila Kongreso de Esperanto ne ĉesas ricevi aliĝilojn el diversaj partoj de nia patrolando al la baldaŭ okazonta kunveno de esperantistoj en la ĉefurbo de Ŝtato Espirito Santo.

La solenaj malferma kaj ferma kunsidoj de la kongreso okazos je la 21a kaj 24a de Novembro, respektive.

Jam aliĝis al ĝi, kiel bonfarintaj anoj, la Magistratoj de *Victoria* kaj *Pau Gigante* kaj la Komerca Asocio de *Victoria*.

Ankaŭ aliĝis la Magistrato de *Santa Leopoldina*, Klubo de Inĝenieroj de Rio de Janeiro, Societo de Geografio de Rio de Janeiro, Asocio de Komercoficistoj en Rio de Janeiro, Komerca Asocio de Rio de Janeiro, Federacio de la Brazilaj Komercaj Asocioj, Brazila Katolika Unuiĝo, Fakultato de Filozofio, Nacia Societo de Terkulturo, Federacio de Brazilaj Skoltoj kaj Kolegio Pedro Palacios, el *Cachoeiro de Itapemirim*, kaj la jenaj grupoj esperantistaj: Brazila Klubo Esperanto, Virina Klubo kaj Brazila Klubo de Medicinostudentoj, el *Rio de Janeiro*; Nova Samideanaro, el *Ceará*; Verda Stelaro, el *Pelotas*, *Rio G. Sul*, kaj Populara Asocio Esperantista, el *S. Paulo*.

## PRI NOVAJ SUFIKSOJ

*La grava franca gazeto «Le Monde Espérantiste» publikigis, en sia n° 146, «Proteston» de la Pola Esperanto Asocio Filio Lublin, pri la novaj sufiksoj* oz *kaj* end, *kiujn certaj esperantistoj pretendas enkonduki en nian vortaron. La redakcio de la supredirita gazeto subtenas tiun proteston, eldirante konsiderojn tre saĝajn kaj pravigindajn..*

*La estraro de «Brazila Ligo Esperantista» opinias same. La «novajn sufiksojn» oni povas tute ĝuste esprimi en la plej diversaj manieroj: oz per la adjektiva finaĵo* a, *per almetado de la adjektivo* plena, *ktp ;* end *per la finaĵoj* ind, ot, at, *ktp., aŭ, en la okazo, se tiuj finaĵoj ŝajnas ne sufiĉaj, per aliformigo de la frazo.*

*Al nia orelo ĉiam sonis kaj sonas malagrable la malsimpatiaj* oz *kaj* end: *tial, ni ilin konvinke malaprobas.*

## Brazila Ligo Esperantista

La 29an de Majo lasta en la luksa salono de la grava Asocio de Komerc-oficistoj, en la ĉeesto de reprezentantoj de la Ministroj de Internaj Aferoj kaj Marino, kaj de delegitoj de gravaj asocioj, kun ĉirkaŭ 500 personoj, okazis literatur-muzika kunsido de Brazila Ligo Esperantista por solenigi la dudekjaran datrevenon de la komenco de efektiva propagando de Esperanto en Brazilo.

Prezidis la kunsidon d-ro Couto Fernandes kaj ĝin sekretariis d-ro Luiz Porto Carreiro Neto kaj f-ino Yrany Baggi de Araujo. Sidiĝis ankaŭ ĉe la prezida tablo la reprezentantoj de la Ministroj, d-ro E. Backheuser, honora prez. de B. L. E., kaj d-ro Carlos Domingues, prez. de B. K. E.

D-ro Porto Carreiro Neto, ĝen. sek., raportis pri la rezultatoj atingitaj en Brazilo dum dudek jaroj de propagando.

D-ro E. Backheuser. universitata prof., d-ro J. B. de Mello e Souza, direktoro de la Kabineto de la Ministro de Interno, kaj d-ro Heitor Beltrão, ĝen. sek. de la Federacio de Komercaj Brazilaj Asocioj, faris paroladetojn sub la jenaj titoloj: «Ĉu la scienco bezonas neŭtralan lingvon?», «La internacia lingvo kaj la literaturo» kaj «La komercisto devas esti esperantista».

F-ino Maria Luiza Bocayuva deklamis pecon de la bela poezio de Gonçalves Dias «Y — Juca Pirama» tradukitan de d-ro Mello e Souza. Ludis bonege fortepianon f-ino Emilia Colonna do Amaral. La distinginda profesorino Heloysa Bloem Mastrangioli belege kantis en portugala lingvo kaj en Esperanto la konatan brazilan poemon «Mia lando havas palmojn», laŭ traduko de s-ro F. Lorenz kaj muziko de Quirino de Oliveira.

Plibeligis la feston la muzikistaroj de la Korpuso de Naciaj Maristoj kaj de Fajro-Brigado, kiu ankaŭ ludis la esperantan himnon.

La *Amerika Agentejo* sendis telegramojn pri la festo al ĉiuj brazilaj ŝtatoj.

Preskaŭ ĉiuj ĵurnaloj en *Rio de Janeiro* raportis pri ĝi. «Jornal do Commercio», el *Rio de Janeiro*, «A Provincia», el *Recife*, kaj «Portugal-Esperanto», el *Portugalujo*, publikigis la tutan paroladon de d-ro Heitor Beltrão. Tiu ĉi kaj tiu de Mello e Souza estas ankaŭ disradiitaj pere de la stacio de «Radio Club do Brasil».

La 17an de Julio okazis ĝenerala kunsido de B. L. E. sub la prezido de s-ro A. Couto Fernandes.

F-ino Yrany Baggi de Araujo legis la protokolon de la antaŭa kunsido, kiu estas aprobita. La ĝen. sek., d-ro Porto Carreiro Neto, legis diversajn leterojn rilatajn al la sudamerikaj kongresoj kaj al la Sudamerika Federacio.

Post diskutato oni decidis aprobi la agojn de la estraro rilatajn al tiuj aferoj. Tial B. L. E. ne aliĝos al la Sudamerika Federacio kaj nur partoprenos la Duan Sudamerikan Kongreson, se ĝi kavos oficialan apogon de la argentina registaro.

Poste oni aprobis la elekton de la nomo *Brazilo* anstataŭ *Brazilio*.

La prezidanto sciigis ke la Brazila Registaro elektis d-ron Carlos Domingues, kiel oficialan delegiton, al la XVIII Universala Kongreso de Esperanto kaj ke li aliĝis, en la nomo de B. L. E., al la festoj faritaj honore de d-ro Antonio Carlos, bonfarinto de Esperanto en Brazilo, ĵus elektita prezidanto de Ŝtato Minas Geraes.

Reprezentiĝis ĉe tiu kunsido la jenaj aliĝintaj grupoj: Brazila Klubo «Esperanto», Virina Klubo, Grupo Esperantista «Couto Fernandes», Gremio Esperantista Everardo Bachkeuser kaj Populara Asocio Esperantista.

«Verda Stelaro» aprobis per letero la nomitajn decidojn.

## BRAZILA KLUBO "ESPERANTO"

### ORDINARA KUNSIDO

La 19an de Junio okazis ĝenerala kunsido de B. K. E. por balotado de ĝia nova estraro. Prezidis d-ro Carlos Domingues kaj sekretariis f-ino Yrany Baggi de Araujo.

Post la aprobo de la protokolo de la antaŭa kunsido d-ro Venancio da Silva proponis ke la elekto de la nova estraro estu farata per aklamado. Tio estas aprobita.

Tiam s-ro A. Couto Fernandes proponis la reelektadon de la tuta estraro kaj konsilantaro nur kun la anstataŭo de s-ro Frederico Perdigão (unua kasisto), kiu ne deziris la reelektadon pro justaj kaŭzoj.

Jen la nova estraro: Prez. — d-ro Carlos Domingues, vicprez. — inĝ. Luiz Porto Carreiro Neto, unua sek. — f-ino Esther Bloomfield, dua sek. — f-ino Yrany Baggi de Araujo, unua kas. — f-ino Nina Castello Branco, dua kas. s-ro E. Araujo Familiar. Konsilantaro: f-ino Maria Luiza Bocayuva, d-ro Venancio da Silva, Antonio C. de Arruda Beltrão, J. B. de Mello e Souza kaj Theobaldo Recife, kolonelo J. Silveira Sobrinho, s-roj E. Felix Tribouillet, Odillo Pinto kaj Ismael Gomes Braga.

Ilia ekposedo okazis je la 16a de Julio.

Por memorigi la dudekjaran datrevenon de la fondo de Brazila Klubo «Esperanto» ĝia estraro organizis kuntagmanĝon, solenan kunsidon kaj balon.

### TAGMANĜO

Tagmeze, ĉe la tre konata restoracio «Casa Heim», okazis tagmanĝo, en kiu partoprenis la jenaj geesperantistoj: s-ino Ricarda Backheuser, f-inoj Maria Luiza Bocayuva, Haydéa Ferreira kaj Violeta Paim, instruistinoj; f-inoj Yrany Baggi de Araujo, Nina Castello Branco kaj Ernanda Nunes, s-ino Rackel Bessa, s-roj generalo J. M. Moreira Guimarães, prezidanto de la Societo de Geografio; d-ro E. Backheuser, universitata profesoro; koloneloj J. Silveira Sobrinho kaj Lauriano das Trinas, inĝ. A. Couto Fernandes kaj E. Felix Tribouillet, sub-direktoroj de la Nacia Telegrafo; Antonio Carlos de Arruda Beltrão kaj J. Pinto Pessoa, telegrafaj ĉefinĝenieroj; d-ro J B. Mello e Souza, direktoro de l' kabineto de la Ministro de Internaj Aferoj; Luiz Porto Carreiro Neto, industria inĝeniero; d-ro Carlos Domingues, advokato; Honorio Leal, telegrafisto; Raymundo Cantão, librotenisto; Berger Bertalan, hungara ĵurnalisto; Maltez Fernandes, Gentil Fernandes kaj Antonio Borges, studentoj de medicino.

F-ino Maria Luiza Bocayuva legis sian raporton pri la antaŭa tagmanĝo okazinta en la jaro 1923 kaj ĉiuj kunmanĝantoj ĝin subskribis. Poste oni elektis s-ron Porto Carreiro Neto, kiel raportonton.

S-ro A. Couto Fernandes rememorigis la antaŭajn kunmanĝojn, nomataj «Ĉurasko», kaj proponis ke oni komencu novan serion da ili, kiu estos esperehle pli brila al la antaŭa.

D-ro E. Backheuser deklaris sin favora al tiu propono, kiu estas aprobita per aplaŭdo.

D-ro Mello e Souza ankaŭ parolis pri la antaŭaj kunmanĝoj, citis kelkajn nomojn de eminentuloj, kiuj ilin ĉeestis, kiel invititoj, kaj salutis generalon Moreira Guimarães, al kiu Brazila Klubo «Esperanto» ŝuldas sian sidejon, lokitan en unu el la ĉambroj de la Societo de Geografio.

F-ino Maria Luiza Bocayuva, nome de «Virina Klubo», kaj s-ro Gentil Fernandes,

nome de «Brazila Klubo Esperantista de Medicino-studentoj», salutis la anojn de B. K. E.

D-ro Mello e Souza faris toston al d-roj E. Backheuser kaj Couto Fernandes, honoraj prezidantoj de B. K. E., kaj d-ro Carlos Dominguez, ĝia nuna prezidanto.

D-ro Backheuser salutis la ĉeestantajn fondintojn de B. K. E.

F-ino Haydéa Ferreira rememorigis la nomon de d-ro Baggi de Araujo, la plej malnova brazila esperantisto, jam mortinta, kaj salutis lian filinon.

S-ro Arruda Beltrão parolis pri la laboraj esperantistoj loĝantaj en la Ŝtatoj kaj ilin salutis citante la nomon de d-ro Alcibiades Paes, vera apostolo de Esperanto.

S-ro Porto Carreiro Neto parolis pri la interna ideo de Esperanto kaj faris toston al la fremdaj esperantistoj.

S-ro Berger Butalan dankis kaj faris entuziasman saluton al la brazila esperantistaro.

S-ro Couto Fernandes diris ke certe ĉiuj bedaŭras la foreston de la laboremega esperantistino f-ino Esther Bloomfield, unua sekretariino de la klubo, kiu estas lite malsana, kaj deziras ŝian baldaŭan resaniĝon.

Tuj poste li legis leteron de prof. kanoniko Francisco Mac-Dowell, honora presidanto de I. K. A. por Brazilo, kiu invitite ne povis partopreni la tagmanĝon.

D-ro Carlos Domingues legis similan leteron de d-ro Heitor Beltrão, ĝenerala sekretario de la Federacio do l'. Brazilaj Komercaj Asocioj.

Antaŭ ol la disiĝo f ino Maria Luiza Bocayuva deklamis la tre konatan soneton de Raymundo Corrêa nomatan «Sekreta Malbono», esperanten tradukitan de d-ro Daltro dos Santos.

## SOLENA KUNSIDO

Je la dudeka kaj duono ĉe la sidejo de B. K. E. okazis solena memoriga kunsido de ĝiaj anoj.

D-ro Carlos Domingues, ĝia prezidanto, petis al s-ro A. Couto Fernandes ke li, kiel honora prezidanto, prezidu la kunsidon.

S-ro Couto Fernandes ĝin malferminte donis la parolon al d-ro Carlos Domingues, kiu legis resumon pri la laboroj de la klubo kaj sciigis ke estas inaŭgurota en ĝia sidejo portreton de d-ro E. Backheuser, ĝia ĉeffondinto kaj honora prezidanto.

Poste parolis d-ro Porto Carreiro Neto, kiu rememorigis la laborojn de tiu klera samideano.

Tuj post la finiĝo de tiu parolado f-ino Bocayuva preminte elektran butonon faligis la kurtenon, kiu kovris la portreton. Tiam aŭdiĝis entuziasma aplaŭdado kaj marmilita muzikistaro ludis la esperantistan himnon, kiujn ĉiuj aŭdis starante.

D-ro Backheuser, vere kortuŝita, diris kelkajn vortojn pri la antaŭtagoj de la fondo de l' klubo kaj la honoro al li farita.

S-ro Couto Fernandes atentigis pri la ĉeesto de du fremdaj esperantistoj, unu hungara, s-ro Bergan Bertalan, kaj alia germana, kies nomo ni bedaŭrinde ne notis, al kiuj li salutis kaj dankis ĉiujn neesperantistaj ĉeestintojn, kiuj briligis la feston.

Sur la muro vidiĝis bildo kun la subskriboj de la 38 fondintoj de B. K. E.

## BALO

Je la 21a, ĉe la luksa salono de la Societo de Geografio, komenciĝis la balo, kiu finiĝis noktomeze. La vasta salono estis bele ornamita per floroj kaj esperantistaj flagoj.

Ludis la jazbando de la Korpuso de Naciaj Marmilitistoj, ĝentile cedita de ĝia komandato, nia klera samideano s-ro Pedro Manot Sarrat.

La gazetoj: «Jornal do Commercio», «Jornal do Brasil», «O Jornal», «O Paiz», «O Globo» detale raportis pri la okazintaĵoj.

— —

Jen estas la nomoj de la personoj subskribintaj la protokolon de la fondo de Brazila Klubo «Esperanto», kiuj ankaraŭ estas anoj de tiu societo: Everardo Backheuser, Lauriano das Trinas, H. Motta Mendes, A. Couto Fernandes, Honorio Leal, Heitor Beltrão, Arminio de Moraes kaj Raymundo Cantão.

## VIRINA KLUBO

Tiu klubo, fondita en la jaro 1912, eniris en novan laboran fazon.

La 15an de Aprilo okazis ĝenerala kunsido de «Virina Klubo», dum kiu estas elektita la jena estraro : Prez., f-ino Maria Luiza Bocayuva; Vicprez., f-ino Romancina Calmon; Ia. Sek., f-ino Esther Bloomfield ; 2a. Sek., f-ino Alice Fernandes Barros ; Kas., f-ino Elizabeth Bloomfield ; Konsilantaro : f-inoj Aracy Baggi de Araujo, Okenalvina B. Massena, Ernanda Nunes, Ruth Mascarenhas, Violeta Paim kaj Haydéa Ferreira.

Tuj poste okazis la ekposedo de la nova estraro. Ĉar f-ino Esther Bloomfield pro malsano ne povas plenumi sian oficon, oni elektis,

la 3an de Julio, por anstataŭi ŝin je la ofico de la Sek. f-inon Irany Baggi de Araujo.

La sidejo de «Virina Klubo» estas provizore ĉe Praça 15 de Novembro, 101-2a.

## Brazila Klubo Esperantista de Medicino-studentoj

Je la 11a de Majo, ĉe Pavilono Torres Homem, ĝentile cedita de d-ro Rocha Vaz, direktoro de la Medicina Fakultato, d-ro Natalicio Lopes deFarias, ĉeffondinto de B. K. E. M., malfermis kurson de Esperanto, kiu estas bone vizitata. Poste malfermiĝis du aliaj kursoj sub la gvidado de s-roj Gentil Fernandes kaj Antonio Borges. La ĵurnalo «Diario de Medicina» detale parolis pri la unua kurso kaj publikigis bonan artikolon pri la propagando de Esperanto inter la medicino-studentoj. Gi rakontis ke la fama okulkuracisto prof. Abreu Fialho, dum unu el siaj lecionoj, parolante pri la neceso de internacia lingvo, diris «ke oni jam havas efikan ilon : ĝi estas Esperanto, kiun la junularo de nia Fakultato je antaŭenpuŝo de longa vidado klopodas sin dediĉi.» Ĝi finis sian artikolon per alvoko al la studentoj por ke ili aliĝu al la klubo.

«A Academia», duonmonata revuo, organo de la sendependa junularo, publikigis en sia unua numero detalan artikolon pri la propagando de Esperanto ĉe la medicina rondo.

Brazila Ligo Esperantista donacis al la Fakultato de Medicino de Rio de Janeiro, al la Akademio de Medicino kaj al la Societo de Medicino kaj Ĥirurgio po unu ekzemplero la tezon de d-ro Louis Poncet. Ili estas transdonitaj, respektive, de la estraro de B. K. E. M., de prof. d-ro Joaquim Moreira da Fonseca kaj de d-ro Leonel Gonzaga da Fonseca, kiu profitis la okazon por montri la lastajn progresojn de Esperanto.

## RADIO KAJ ESPERANTO

S-ro inĝeniero Luiz Porto Carreiro Neto jam finis sian kurson de Esperanto pere de la radiostacio de «Radio Club do Brasil» (SQ1B). Tiu ĉi klubo, kiu estas de sia fondo tre simpatia al Esperanto, organizis serion da paroladoj por kaj en Esperanto okazantaj ĉiusabate. La 12an de Junio d-ro Heitor Beltrão, ĝenerala sekretario de la Federacio de la Brazilaj Komercaj Asocioj, disradiis paroladon titolitan «La komercisto devas esti esperantista» ; la 19an d-ro J. B. Mello e Souza, direktoro de la kabineto de l'Ministro de Internaj Aferoj, paroladis pri «Esperanto kaj literaturo» kaj la 26an f-ino Maria Luiza Bocayuva, publika instruistino, pri «Floroj kaj rubandoj». La tuta parolado de D-ro Heitor Beltrão estas publikigita de «Jornal do Commercio»» la plej grava ĵurnalo en Brazilo, kaj de «A Provincia», el Recife, Ŝtato Pernambuco.

La revuo «Antenna», oficiala organo de «Radio Club do Brasil», publikigis la paroladon disradiitan de d-ro Porto Carreiro Neto komence de lia kurso kaj tradukon faritan de d.ro Couto Fernandes de la bonega artikolo de Prof. René Mesny pri la «Propagiĝo de la ondoj» aperinta en «Internacia Radio Revuo».

## Esperanto kaj Scienco

La 11an de Junio, ĉe «Instituto de Milita Inĝenierscienco» s-ro kolonelo José Silveira Sobrinho faris paroladon sub la titolo «Esperanto en la Inĝenierscienco». Fermante la kunvenon, generalo Lebon Regis, kiu ĝin prezidis, deklaris ke, konvinkite pri la utileco de Esperanto en la scienco, li tuj eklernos tiun admirindan lingvon.

## Lingva Komitato

Elektoj

31 majo 1916.

ANOJ: 111.

VOĈDONINTOJ: 103.

REELEKTITA: S-ro *Strœle*.

ELEKTITAJ: S-roj *Bennemann*, *Ĉernohvostov*, *Döhler* ; s-ino *Dresen* ; s-roj *Ellersiek*, *Grau-Casas* (Jaume), *Grenkamp-Kornfeld*, *Grot*, *Karolczyk* (Eska), *Kostecki*, *Kreuz*, *La Colla*, *Pillath* (Zanoni), *Rosselló-Ordines*. *Scott* kaj *Waringhien*.

La Prezidanto
de la Akademio kaj de la Lingva Komitato:
*Th. Cart.*

## LITERATURA MONDO

La konferenco de Locarno akceptis, laŭ propono de Balkanji, la jenon:

1. La kunveno esprimas la deziron, ke la naciaj societoj pli atentu al nia sola literatura arta revuo, Literatura Mondo, akirante minimume la abonon de la grupoj kaj penante akiri de la naciaj registaroj aŭ institucioj eldonigi specialan numeron el sia nacia literaturo ;

2. la kunveno esprimas la deziron, ke Literaturan Mondon — se ĝi ne povus plu aperi en la nuna eldonado — eldonu, laŭ propra propono, U E.A. kiel aldonon de «Esperanto».

Redakcio : *Budapest VI, Eotvos utca 3. Hungria*. Jarabono : 2 Dolaroj.

## D-RO LAURO MÜLLER

La 30 an de Julio mortis senatano generalo Lauro Müller, unu el la plej valoraj politikuloj en Brazilo.

Li ,estis Ministro de Financo, de Eksterlandaj Aferoj kaj ank. ŭ de Publikaj Laboroj, dum kiu ministrado estas rekonstruita la belega urbo Rio de Janeiro, kaj prezidanto de Ŝtato Santa Catharina.

Li estis ankaŭ membro de la Brazila Literatura Akademio kaj prezidanto de Instituto de Milita Inĝenierscienco.

Al li ni ŝuldas la ordonon kiu permesis,de 1906, la uzadon de Esperanto kiel klaran lingvon en la interna servo telegrafa.

Al lia familio niajn sincerajn kondolencojn !

## URUGVAJO

### Montevideo

Nova elektita estraro de la societo «Esperanta Junularo»: G. Gabarain, prez., E. Quinteros, vicprez. ; R. Zeballos Morales, sek. ; J. P. Arbouet, vicsek. ; E. Presa, kas. ; R. Gabarain, vickas. ; L. A. Beltrame, kont. ; M. Gabarain, bibl. ; R. Rezzano kaj A. Daneri, voĉdonantoj.

Interesaj artikoloj pri Esperanto estas publikigataj du-trifoje semajnon de tiu societo en nia ĵurnalaro, precipe en «Imparcial», kiu ankaŭ publikigas kurson gvidatan de s-ro E. Legrand, konsilanto de I. C. K. por Ameriko.

Laŭ komunikaĵo ricevita de tiu eminenta samideano li intencas aranĝi grandan kunsidon, el kiu multajn profitajn aferojn ni esperas pri la kunagado de ĉiuj en la Esperanta propagando.

La 7an de Majo s-ro Legrand paroladis pri Esp. ĉe la Jezuitoj, kie li direktas kurson, kiun ĉeestas ĉirkaŭ 30 lernantoj.

Ĉe «Esperanta Junularo» komenciĝis kurso kun 15 lernantoj kaj ĉe Pedagogia Muzeo s-ro Fernandez Mendez faras sian ĉiujaran kurson.

E. J. volas interrilatiĝi kun similaj ĉiulandaj societoj.

Kiu deziras informojn pri nia lando kaj movado sin turnu al la jena adreso :

«Esperanta Junularo», *Cerro Largo 1572, Montevideo. Uruguay.*

E. J-ano.

## Universidade Internacional de Verão

### EDINBURGO

Realizou-se em Edinburgo, a 2 de Agosto, a inauguração da Universidade Internacional de Verão, em cujo programma figuram prelecções a serem feitas em Esperanto por professores de reconhecida competencia.

As prelecções, que foram feitas em quatro dias, obedeceram ao seguinte programma:

PROF. CART, de Paris: O folklore e os cantos populares francezes.

PROF. ODO BUJWID, da Universidade de Cracovia: Homem e microbios(com projecções luminosas).

SNR. ANDRE' ĈE, da Rumania: O methodo directo no ensino do Esperanto.

DR. PASCAL DEUEL, da Universidade de Leipzig: Successos modernos no tratamento da Tisica (com projecções luminosas) e O alongamento da vida humana.

SNR. RINALDO ORENGO, de Turim: O Sol (com projecções luminosas).

DR. ALFREDO STROMBOLI, de Piza: A electrometalurgia na Italia. (com projecções luminosas).

SNR. GRAU CASAS, de Barcelona: O folklore e os cantos populares catalães.

PROF. W. E. COLLINSON, da Universidade de Liverpool: O Esperanto, caminho da linguistica.

SNR. C. TARELLI, da Repartição Internacional de Trabalho: Constituição e fins da Repartição Internacional do Trabalho e os resultados obtidos.

DR. IMMANUEL OLSHVANGER, de Londres: O folklore hebraico.

SNR. GRENKAMP KORNFELD, da Polonia: O folklore e os cantos populares polacos.

SNR. MANGADA ROSENORN, de Madrid: O folklore hespanhol.

PROF. FOURNIER D'ALBE, da Universidade de Londres e de Birmigham: O rad-o e o seu futuro.

PROF. BOUVET, da Universidade de Genebra: A Liga das Nações e os pequenos paizes.

SNR. PAUL BENNEMANN, da Universidade de Leipzig: O folklore e os cantos populares allemães.

No ultimo dia houve um concurso de oradores.

O presidente de honra da Universidade Internacional é o Prof. Charles Richet.

## A oitava conferencia internacional do trabalho e o Esperanto

Ha alguns annos o Esperanto está sendo empregado na correspondencia e no serviço de informação do «Bureau Internacional du Travail». Por occasião da 8ª Conferencia internacional do Traballio, em Genebra, ha pouco encerrada, o grupo dos representantes operarios votou por unanimidade uma resolução sugerindo ás organisações operarias nacionaes e internacionaes, assim como aos membros individuaes, a idéa de encararem a possibilidade do emprego do Esperanto como lingua internacional auxiliar afim de resolver o dito problema.

## Entrevista com o Sr. Ministro da Instrucção da Yugo-Slavia

A Liga Esperantista da Yugo-Slavia ultimamente recebeu de algumas sociedades a ella filiadas queixas de que diversos professores se oppunham ao movimento esperantista. Em alguns logares, mesmo, os

delegados e policias prohibiram até a fundação de clubs de Esperanto e cursos dessa lingua.

A directoria da Liga, á vista disso, resolveu dar parte das occorrencias aos Ministros de Instrucção e dos Negocios Interiores. O presidente e o secretario da Liga, Srs. Drs. Maruzzi e Rotksitch, foram entender-se com o Dr. Stiepan Raditch, ministro da Instrucção, que lhes concedeu a seguinte entrevista:

— Sr. Ministro, — começou o Dr. Maruzzi, — vimos em nome da Liga Esperantista para apresentar a V. Exa., na qualidade de ministro da Instrucção, os nossos respeitos. Mas, devemos queixar-nos a V. Exa. de que diversos professores e directores de escolas põem obstaculos ao ensino do Esperanto.

— Que me diz ? — respondeu o Ministro, — não é possivel ! Isso não deve mais acontecer. Eu mesmo já aprendi o Esperanto, que só não pude estudar a fundo por motivos politicos. Mas, assim que tiver bastante tempo prometto, sob palavra de honra, que terminarei o estudo desse idioma, porque sou de opinião que é actualmente estado de barbaro não aprender o Esperanto. No começo do novo anno lectivo introduzirei o Esperanto em todas as escolas commerciaes, e mesmo talvez, se permittirem as circunstancias, em todas as escolas.

Dizendo isto, o Ministro mandou que o seu secretario fizesse uma circular sobre o Esperanto.

— Com essa declaração de V. Exa. sr. Ministro, — accrescentou o Dr. Maruzzi, nada mais temos a dizer.

— De certo, — respondeu o Ministro, — seria o mesmo que deitar agua ao mar. Até hoje os Srs. trabalharam direito, honestamente e com persistencia. Continuem a trabalhar, e cumprimentem, de minha parte, a todos os *samideanos*.

— V. Exa. nos permitte publicar suas palavras?

— Com certeza, podem ! Como não ?

## PATRUJO

(Ruy Barbosa)

La Patrujo estas la familio plivastigita. Kaj la familio, die starigita, havas kiel organajn elementojn la honoron, la disciplinon, la fidelecon, la estimon, la oferon.

Ĝi estas instinkta harmonio inter voloj, tute natura interŝanĝo de abnegacioj, vivanta teksaĵo el interplektitaj animoj.

Multigu la ĉelon, kaj vi estigos la organismon.

Multigu la familion, kaj vi estigos la Patrujon. Ĉiam la sama plasmo, la sama sangrondirado. La homoj ne elpensis, kontraŭe, ili falsis la fratecon, kies superbelan formulon donis al ili Kristo, instigante ilin al la reciproka amo: «Diliges proximum tuum sicut te ipsum».

Plilarĝigu la kristanan fratecon, kaj vi iros de la individuaj estimoj al la kolektivaj solidarecoj, de la familio al la nacio, de la nacio al la homaro.

Ĉu vi kontraŭdiros min, prezentante la militon ? Mi respondos al vi, prezentante la arbitracion.

La estonteco estas sufiĉe vasta, por ebligi tiun grandan esperon. Eĉ inter la sendependaj, memregantaj nacioj, la devo de la devoj kuŝas en la respekto al la rajtoj de la aliaj, kiel al la niaj. Apliku, nun, tiun devon en la limoj de nia patrujo; rezultas same: ni estimu nin reciproke, kiel ni amas nin mem.

Se la najbaraj geedzoj kreskas, riĉiĝas kaj vantmontras lukseconi, nin ne ĉagrenu la feliĉeco, kiun ni ne ĝuas. Vidante la rapidecon de ilia kresko, la brilecon de ilia abundeco, ni preferinde, benu la floradon de la nacia riĉegeco, kiu ne povas konsisti el la mizereco de ĉiuj.

Kiom ajn la sukcesoj nin altigas, en la kunvenoj, en la tribunalo, en la parlamento, en la administrado, ni lernu rigardi la registaron kiel ilon por la komuna defendo;danki la opoziciantaron, kiu estas la nepre necesa klapo por la nepereigo de la ordo; senti en la konflikto de la nekaŝataj kontraŭstaroj la plej bonan garantion de nia moraleco.

Ni nomu neniam *malamikoj de la patrujo* niajn malsampartianojn. Ni insultu neniam, kiel *patrujo-perfidantojn*, niajn plej nesubigeblajn malamikojn. La patrujo estas neniu: ĝi estas ĉiuj; kaj ĉiu havas en ĝia interno la saman rajton je la ideo, je la parolo, je la kunligeco.

La patrujo ne estas iu sistemo, nek iu sekto, nek iu monopolo, nek iu regformo; ĝi estas la ĉielo, la landtero, la popolo, la tradicio, la konscienco, la hejmo, la naskiĝejo de niaj filoj, la tombo de niaj prapatroj, la kunuzado de la leĝo, de la lingvo kaj de la libereco.

Ĝin servas tiuj, kiuj ne envias, ne malbonfamigas, ne konspiras, ne ribeligas, ne malkuraĝigas, ne silentas, ne timtremas, sed kontraŭstaras, sed lernigas, sed klopodas, sed paciĝas, sed diskutas, sed praktikas la justecon, la admiron, la entuziasmon. Ĉar ĉiuj grandaj sentoj estas mildaj kaj venas laŭorigine de la amo.

En la armata patriotismo mem, la plej malfacila afero kuŝas en la digno, kiu ne estas en la mortigo, sed en la morto.

La milito, legitime, ne povas esti la ekstermado, nek la ambicio: ĝi estas simple la defendo. Trans tiuj limoj, ĝi estus barbara disruinigo, kiun la patriotismo abomene forpuŝas de si.

El la portugala lingvo tradukis

*Porto Carreiro Neto*

## REĜMANĜANTOJ

Estis jam du arestitoj en la nova ĉelo, kiun mi estis enkondukita. Unu el ili, alta viro, vastkorpa, nigrabarba, tiel diradis mallaŭte parolante al sia kunulo :

— La lastan semajnon mi nur sukcesis manĝi unu reĝon. Vi estis pli feliĉa ol mi, ĉar vi manĝegis du !

La alia, ne konfuzite, respondis :

— Ĉu vi jam ne memoras la reĝinon, kiun vi manĝis la lastan monaton ?

Sankta Dio ! - mi diris almimem - mi estas ĉi tie en arestejo kun du teruraj frenezuloj ! Tiu viruj, veraj kruelbestoj, parolas pri reĝmanĝado, kvazaŭ monarko kun sceptro kaj krono estas bifteko rapide manĝata en kampara hotelaĉo. Ili estas ja troentuziasmaj respublikanoj, kiuj trenitaj de politika pasio perdis la saĝon ; kaj ilia manio en la bedaŭrinda malsaĝeco, estas stranga priokupado manĝaĵigi ĉiujn terajn monarkojn.

Mi konfesas ke mi havis grandan timon al miaj kunarestitoj. Kaj, se ili pensus ke mi estas iu reĝo de Grekujo aŭ de Bulgarujo ? Mi estus senhelpe perdita.

Mi tiam memoris pri prudenta konsilo de unu el miaj amikoj, maljuna humoristo: «Kun kiuj vi kuniĝos, tia vi fariĝos.»

Kaj tiel mi decidis agi. Esti rigardata antaŭ tiuj du frenezuloj kiel frenezulo, viktimo de la sama manio. Tiam mi stariĝis solene kaj al ili mi alparolis jene :

— Tio, kion vi rakontis, estas nenio ! Mi jam manĝis en malpli ol unu jaro diversajn reĝojn, reĝinojn kaj princinojn.

Kaj, ĉar la reĝomortigintoj mirege rigardas min, mi trovis pli prudenta aldoni :

— Mi jam englutis vivantan ĉefdukon kun vesto, medalo kaj la cetero !

— Tiu ĉi kamarado estas freneza — murmuris la nigrabarbulo.

— Kateninde freneza — aldonis la alia.— Estas pli bone ne atenti pri li. Ni ludbatalu.

La nigrabarbulo prenis el sub kampara benko ŝakan tabulon kaj kolekton da eluzitaj kaj malperfektaj ludiloj de tiu tre konata ludo. Nur tiam mi komprenis la eraron kaj eksciis pri la ridindaĵo, en kiun mi estis falinta. Tiuj du viruj estis nur simplaj kaj kvietaj ŝakludistoj ; la figuroj — reĝoj, reĝinoj, kurieroj, ĉevaloj, kc. —, pro manko de ĝusta materialo, estis fabrikitaj de panmiolaĵo. Laŭ stranga kombino interfarita de ili, la venkinto de ĉiu ludbatalo rajtas manĝegi la kontraŭulan reĝon. Tio rezultas por la venkito grandan oferon, ĉar li estis devigata ŝpari el la sekvontaj manĝoj panpecon sufiĉan por fabriki novan reĝon.

El «Contos de Malba Tahan» de *Julio Cesar de Mello e Souza*, tradukis

*A. Couto Fernandes*

## KRONIKO

MARANHÃO. — *S. Luiz.* — Funkcias en «Centro Caixeiral» kurso de Esperanto direktata de s-ro Domingos Perdigão. La lernado de tiu lingvo estas *deviga* por la lernantoj de ĝia kurso.

PERNAMBUCO. — *Recife.* — Trapasante tiun urbon okaze de sia veturo al Edinburgo d-ro Carlos Domingues ricevis la viziton de la fervora esperantisto s-ro Sebastião de Albuquerque, kiu lin salutis en la nomo de la tieaj samideanoj.

— «A Provincia» publikigis la tutan paroladon de d-ro Heitor Beltrão titolitan «La komercisto devas esti esperantista».

— «Jornal Pequeno» aperigis intervujon, kiun unu el ĝiaj redaktoroj havis kun d-ro Carlos Domingues kaj «Diario de Pernambuco» parolis pri lia vojaĝo.

BAHIA. — *S. Salvador.*—«A Nova Era», en sia maja numero aperigis poresperantan artikolon titolitan «Kiel Internacia lingvo ?»

E. SANTO. — *Victoria.* — La Organiza Komitato de la Oka Brazila Kongreso de Esperanto daŭrigas siajn preparajn laborojn por ke ĝi estu tre brila. Ankaŭ aliĝis al ĝi la *Magistratoj de Victoria kaj de S. Leopoldina* kaj la *Komerca Asocio de Victoria.*

La ĵurnalo «Diario de Noticias» publikigis artikolon de s-ro D. G. Coimbra, per kiu li intencis ridindigi Esperanton kaj ĝian gloran kreinton. La sekvintan tagon la sama ĵurnalo transskribis la tradukon de la bonega artikolo de Charles Richet titolita «La marĉo de la ranoj». Neniu artikolo de la sama serĉulaĉo aperis plu en tiu ĵurnalo. Tuja kaj trafa respondo !

S ro Nilo Bruzzi en artikolo aperinta en tiu sama ĵurnalo parolante pri la alveno en Rio de Janeiro de Marinetti diris ke, se li estas futuristo, li nepre devus paroli en Esperanto. En ĝia numero de 26 Aŭgusto aperis listo de ĉiuj aliĝintoj al la Oka Kongreso.

S. PAULO. — *S. Paulo.*—Estas elektita delegito de U. E. A. en tiu ŝtato s-ro Castorino Gomes de Carvalho, sekretario de Populara Asocio Esperantista. Li intencas ĉeesti la

Okan Kongreson, ĉe kiu li reprezentos tiun klubon.

«A Gazeta» publikigis telegramon pri la trapasado en Lisbono de d-ro Carlos Domingues kaj sciigon pri U. E. A. kaj «Correio Paulistano» informojn pri nia movado.

MINAS GERAES—*B. Horizonte.*—Aliĝis al la kongreso kaj ĝin ĉeestos s-ro João Vianna, delegito de U. E. A.

*Carangola.* S-ro Raphael Nogueira intencas eldoni adresaron de esperantistoj. La inskribo estas senpaga.

S. CATHARINA. — *Florianopolis.* — De nia malnova samideano d-ro José Boiteux, supera juĝisto, ni ricevis leteron, per kiu li sciigas nin pri lia deziro ĉeesti nian kongreson. Certe li reprezentos la ŝtatan registaron.

RIO GRANDE DO SUL. — *Porto Alegre.* S-ro Ary Zamora malfermis en sia hejmo kurson de Esperanto. La ĵurnaloj «Correio do Povo», «Diario de Noticias» kaj «O Ferroviario» aperigis sciigojn pri nia movado.

*Pelotas.* Laŭ informoj ricevitaj de nia fervora samideano d-ro José Pedro Franz, la «Esperanta Klubo Verda Stelaro» ne dormas. Ĝia nuna prezidanto, s-ro Lino Saraiva de Oliveira, sukcesigis ke la societo «Gremio Republicano Português» malfermu kurson de Esperanto, kies profesorino estas f-ino Antoninha Barum. Tiu ĉi fervora samideanino reprezentos la klubon ĉe la proksima brazila kongreso okazonta en Victoria.

RIO DE JANEIRO. — Aliloke ni parolas pri la kunvenoj de B. L. E., B. K. E., B. K. E. M. kaj V. K. kaj la festoj organizitaj de la du unuaj.

Preskaŭ ĉiuj ĵurnaloj en Rio de Janeiro publikigis artikolojn kaj sciigojn pri la esperantista movado. Ni devas citi unue «Jornal do Commercio», kiu publikigis la tutan paroladon faritan de d-ro Heitor Beltrão, sub la titolo «La komercisto devas esti esperantista».

Niajn korajn dankojn al tiu ĵurnalo kaj al la jenaj : «O Globo», «A Noite», «O Paiz», «A Patria», «Jornal do Brasil», «Correio da Manhã», «Gazeta de Noticias», «A Manhã», «A Tribuna», «O Imparcial», «O Jornal», «Diario de Medicina», «A Academia», «O Escoteiro da Gloria», «Antenna», «Medicamenta». La revuo «Careta» aperigis anekdotojn kaj rakontojn tradukitajn el Esperanto.

— S-ro Eulalio Costa Lima, el Ŝtato Bahia, publikigis en «A Patria» longan artikolon titolitan «Esperanto kaj la Reformo de ia Instruado». Li diris ke Esperanto devas esti enmetita en la programon de la publika enstruado, ĉar ĝia utilo estas nediskutebla. Bedaŭrinde, en sia artikolo, li elmontras tute ignori pri la ekzistado de B. L. E. kaj de la ceteraj brazilaj esperantistoj societoj.

— S-ro Raymundo Cantão, malnova esperantisto, malfermis kurson de Esperanto en la sidejo de B. K. E.

— Je la 22a de Aŭgusto okazis festo de la Asocio de Katolikaj Skoltoj de Gloro, kies prezidanto estas s-ro A. Couto Fernandes, dum kiu la skolta muzikistaro ludis la esperantistan himnon kaj 30 skoltoj kantis ĝin, laŭ portugala traduko.

A. C. F.

## LA AMO

Kiel nutri la amon ?

Jen demando, kiun mi opinias nerespondebla, tial ke oni ne nutras la amon.

La amo estas la suno, la poezio, la ritmo de la vivo. Oni ĝin vidas en la homo, en la birdo, en ĉiu viva estaĵo, en la tuta mondo: la patro kisanta la filon, du kolomboj amplene kantantaj en la sama nesto, du branĉoj de malsamaj arboj alproksimigitaj de la naturo, en ĉio ĉi estas la esprima voĉo de la Amo.

La amo, kiu naskiĝas en la homa koro; tiu, kiu ne konas dolorojn por venki ; tiu, kiu ne atentas la interspacojn por ĵeti sian lumon; tiu, kiun oni ne subaĉetas per la oro; tiu, kiu estas kapabla je la plej grandaj heroaĵoj : la amo larmo, la amo pureco, la amo sindonemo, tiu estas, same kiel la bona semo, kiun la benita mano de la Naturo semas en la vastiga arbaro por fariĝi granda arbo fortriĉa kaj plena de la harmonio de la bruado de siaj folioj.

La amo estas la miraklo de la koro; ĝi estas eklumo farita de du animoj, ĝi estas dia beno.

Ĝi venas al ni el la okuloj de la virino amata, perfekta, kun kristalecaj rebriloj kvazaŭ je lumaj perloj. Ĝi estas farita el lumaj ĉeloj : ridoj kaj ĝojoj, larmoj kaj doloroj.

Kiam du personoj sin amas reciproke kun la tuta forto de sia animo, kun la pureco de ĉiuj siaj sentoj, kun la tuta entuziasmo de sia penso, inter tiuj du personoj ekzistas nur unu maniero vidi, pensi kaj senti, kaj jen kial ili vivas la saman vivon, feliĉigitaj de la samaj motivoj, malĝojigitaj de la samaj ĉagrenoj.

Se estas inter ili iu ajn psika aŭ morala aŭ intelekta malsameco, la Naturo egaligas ilin kaj ilin igas egalaj je boneco kaj kapablaj je la samaj amaj sindonoj.

*Sebastião Albuquerque*

Olinda 1926

# Esperanto lingvo de Radio

Ĉiuj niaj legantoj certe konscias pri la graveco de la nuna propagando de Esperanto ĉe radiistoj. Dank' al «*Internacia Radio Revuo*», monata organo de «Internacia Radio Asocio, Esperanto utilos ne nur al nunaj Esperantistoj, kiuj trovos en ĝi ĉiajn konsilojn necesajn, por konstrui mem malkare radio-aparatojn, sed ankaŭ al radiistoj ankoraŭ ne esperantistoj, kiuj legos en ĝi internaciajn informojn alie ne haveblajn, se nur ili konsentos dediĉi tre malgrandan penon al ioma lernado de Esperanto.

«*Internacia Radio Revuo*» ja celas kontentigi jenajn kategoriojn de legantojn :

1-e. Esperantistojn, kiuj interesiĝas pri Radio, pri uzado de Esperanto en Radio, kiuj volas propagandi Esperanton inter radiistoj aŭ deziras fariĝi radio-amatoroj ;

2-e. Komencantajn radio-amatorojn, bezonantajn sisteman gvidadon en ilia laboro, emajn ekkoni la teorion, la «misterojn» de Radio, solvi multajn dubindajn problemojn, kiujn ili renkontas dum sia laboro ;

3-e. Spertajn radio-amatorojn, kiuj volas trovi la kronikon de la tutmonda radio-movado, analizojn de plej interesaj artikoloj el la tutmonda radio-literaturo, lastajn novaĵojn kaj inventojn.

La unua numero estos *senpage* sendata al ĉiu esperantisto, kiu mendos ĝin de la eldonisto, sendante samtempe, por la sendelspezoj, unu internacian respondkuponon (por Francujo unu 30-centiman poŝtmarkon). Nepre mendu ĝin, ĉar dank' al ĝi vi povos tre malmultekoste konstrui vian propran aparaton.

La abonprezo por unu jaro estas nur duon-dolaro (4$000).

La abonmendojn sendu laŭ adreso : «Internacia Radio Revuo», E. Chiron, eldonisto, 40, rue de Seine, Paris-6e, aŭ al S-ro Luiz Porto Carreiro Neto, nacia sekretario de I. R. A., Rua 24 de Maio, 154, Rio de Janeiro.

## Pelo Estrangeiro

### O ESPERANTO NA LIGA DAS NAÇÕES

A Delegação dos Operarios junto á 8ª Conferancia Internacional de Trabalhos, em Genebra, tendo encontrado difficuldades nas suas reuniões pela diversidade de idiomas — apezar de serem tres os idiomas officiaes —, resolveu suggerir ás organizações nacionaes e internacionaos de operarios o uso do Esperanto para resolver esse problema. Essa resolução foi acceita unanimemente. Apresentou-a o Sr. R. Mortished, conselheiro irlandez, e a approvaram entre outros, os Srs. Mertens, da Belgica, vicepresidente do Conselho da Federação Internacional de Syndicatos, Jaszai, da Hungria, Pugh, da Inglaterra, Curran, da Africa do Sul, Serrarens, secretario da Federação Internacional dos Syndicatos Christãos, Sakuray, do Japão, etc.

### EXAMES DE ESPERANTO NA AUSTRIA

Sob a presidencia do inspector escolar Dr. F. Wollmann, da commissão official de exames, realizou-se em abril ultimo uma serie de exames de Esperanto, aos quaes se submetteram 23 pessoas, entre as quaes professores de gymnasios officiaes, doutores em direito, professores de linguas, etc.

### O ESPERANTO NAS ESCOLAS DE VIENNA

Diversos jornaes importantes de Vienna publicaram um artigo em que a Organização Esperantista dos Empregados Publicos de Vienna informa que, nas conferencias das escolas municipaes daquella capital foi proposta a inclusão do Esperanto em pelo menos uma daquellas escolas, em cada districto da cidade. Oito, dos treze districtos, já acceitaram essa proposta e começarão o ensino do idioma auxiliar no proximo anno lectivo. Espera-se para breve a decisão favoravel da escola municipal de Vienna.

### O INSTITUTO DE COOPERAÇAO INTELLECTUAL E O ESPERANTO

O Instituto acima mencionado acaba de convidar o Sr. Grenkamp para traduzir as communicações dessa associação, afim de publical-as nas gazetas esperantistas.

### PRELECÇÕES DE ESPERANTO PELO RADIO

Em julho pp., pela estação de Zagreb (Yugoslavia), foram irradiadas as seguintes conferencias:

Sr. M. Matic, delegado de policia: sobre o Esperanto, como lingua do serviço internacional da policia.

Sr. Beslic, chefe da secção da Administração dos Correios e Telegraphos: sobre o Esperanto no serviço de correios, telegraphos e telephones.

Sr. Tomasic, inspector escolar de Zagreb e presidente da União de Professores Croatenses: sobre o Esperanto na educação moderna da infancia.

Annuncia-se que a referida estação abrirá brevemente um curso do idioma internacional, para quando estiver prompta a grammatica do Dr. Maruzzi para esse fim. Este professor foi ha pouco tempo nomeado leitor de Esperanto na Superior Academia Economico-Commercial, que pertence á Universidade de Zagreb.

### CONFERENCIAS DE ESPERANTO NA FINLANDIA

O Instituto de Esperanto e a Associação Esperantista da Finlandia arranjaram conferencias sobre a lingua internacional. O director do Instituto, o Prof. V. Setala, discursou perante 20.0 pessoas na grande reunião de professores, O ex-ministro N. Liakka fez-se esperantista e é o actual presidente da Liga Finlandeza. A Liga recommendou aos clubs, seus filiados,

iniciarem cursos de Esperanto e incrementarem o movimento do mesmo idioma.

### CONGRESSO DA ASSOCIAÇÃO COMMERCIAL FRANCEZA «ESPERANTO E COMMERCIO»

Em maio ultimo realizou-se na Feira de Paris um congresso da Associação Commercial Franceza «Esperanto e Commercio», sob a presidencia do Sr. M. Granjean; foram vice-presidentes os Srs. André Baudet, que é vice-presidente da Camara de Commercio Franceza, e Pierre Corret, vice-presidente da Commissão de Experiencias de Radio Transatlanticas. O Congresso foi saudado por esperantistas de varios paizes: Polonia, Russia, Bulgaria, Hungria, Finlandia, Hespanha, Inglaterra, etc. Foi tornado publico, nesse congresso, que em Paris o Esperanto é officialmente ensinado em tres escolas commerciaes, na Escola de Caixeiros, e na escola particular de commercio de Pigier. Em Lyon ha um curso obrigatorio de Esperanto na Escola Municipal de Commercio. Diversos commerciantes francezes já se têm communicado, com pleno successo, sobre assumptos dos seus ramos dc negocio, com collegas do Japão, China, Palestina e terras da Europa Oriental, empregando o idioma internacional. Um negociante de apparelhos de Radio, que annunciara na «Radio Revuo», recebeu após esse annuncio 150 cartas de diversos paizes.

### O ESPERANTO NA POLICIA

A Chefatura de Policia de Vienna, á vista da crescente necessidade de informações a estrangeiros, ordenou que nas principaes ruas da cidade e nas estações de estradas de ferro permaneçam policias que falem linguas vivas e tambem o Esperanto.

### BUSTO DE ZAMENHOF EM PARMA

Por iniciativa do Grupo Esperantista de Parma (Italia), foi inaugurado, em maio pp., com a presença de publico bastante numeroso, o busto do Dr. Zamenhof no theatro S. Giovanni. Discursou, entre outros, o General Marquez de Montezemolo, que é sympathico ao nosso movimento.

P. C. N.

## Esperanta Gazetaro

PARIS-ESPERANTO. Monata organo de l' Grupo Esperantista Pariza. Nova serio. Senpage al la grupanoj — Ricevebla per membriĝo (10 fr. jare). Adreso : F-ino Cecile Royer, 14, rue des Carmes, Paris — Ve.

LIBERA LABORISTO. Oficiala organo de Tutmonda Ligo de Esperantistaj Senŝtatanoj (TLES). Redakcio : J. M. Esperanto. 9, rue Louis Blanc, Paris Xe.

ONDO DE DAŬGAVA. Hektografita gazeto. Eldonanto : *Riga Esperanto Societo*. Poŝta adreso: *Posta kaste Nr. 844. Riga.Latvujo.*

LA FORTA VOKO. Dana Esperanto Gazeto. Redakcio: Paul Neergaard, *Livjaegergade 19, Kobenhavn O., Danujo.*

LA JUNA BATALANTO. Organo de la Internacia Katolika Junulmovado. Eldonata de Mondjunularo Katolika (M. O. K. A., I K A Junularo) Aldono al Katolika Mondo. Redaktoro: Wilh. Solzbacher *Honnef. a. Rh. Germ, Spiesgasse n. 1.* Ĝia unua numero enhavas longan artikolon de s-ro João Vianna, el Bello Horizonte, pri «La katolika junularo en Brazilo»,

BERLINER ESPERANTO-ANZEIGER. Direktoro : J. Glück, *Berlin W. 62. Bayreuther Strasse 3, Germanujo.* Jarabono : RM 1,50.

LE DANUBE. Revuo internationale pour tous les collectionneurs. Organ officiel de l' Association Yougoslave des Collectionneurs sous le patronage de Monseigneur l'éveque Dr. Iriney Ciric. Redaction-Administration : *Rue Georges Jaksie. No. 5 Novi sad. Yougoslavie.* Prezo : Le numero 1 fr.

ARGENTINA ESPERANTISTO. Monata esperanta bulteno. Dua epoko. Eldonanto: Argentina Esperanto Asocio, Propaganda Komitato. *Str. Carlos Pellegrini 238. Buenos Aires. R. Argentina.* Prezo : sesmonata abono $ 1,20.

ESPERANTO UUTISET. Suomen Esperanto-Opiston Julkaisu. Adreso : *Kluuvikatu 7 Helsinki. Toimistoaika 3—6 ip. Finnlando.*

## Korespondado

S-RO KAREL VANOUS, *obd. učitel, Luz, Ĉeĥoslovakujo*, instruisto, deziras interŝanĝi P. M. kôl kun seriozaj kolektantoj.

S-RO RAPHAEL MOREIRA. — *Carangola. E. Minas. Brazilo*; intencas eldoni adresaron de esperantistoj, kies enskribo estas senpaga. Skribu tuj al li, prefereble per ilustrita poŝtkarto.

## "Orient-Vogtlanda Esperanto-Ligo" Germanlando

Ni serĉas sudamerikajn geamikojn por korespondado kun niaj membroj pri iuj problemoj kulturaj kaj internaciaj.

Donu adresojn multajn al: *Komercisto Hans Linke, Falkenstein i. V. Germanlando, Ellef. Str. 37.*

## BIBLIOGRAFIO

Ni ricevis kaj tre dankas :

BES-A ADRESARO de esperantistoj el ĉiuj landoj kun aldonitaj adresoj de neesperantistoj dezirantaj tutmondajn interrilatojn. 4-a eldono. Jaro 1922-23. Prezo : 1.50 Fsv. pagebla ankaŭ en poŝtmarkoj aŭ respondkuponoj. Eldonanto : *Bohema Esperanto-Servo. Moravany. Bohemujo. Ĉeĥoslovakujo.*

DATOJ KAJ FAKTOJ PRI LA PACA MOVADO, de Anna T. Nilsson. 5-a milo. Traduko laŭ la sveda originalo. Eldono de la verkistino, *Malmö, Svedujo.* Eventuala profito estos dividata inter la paca kaj esperanta movadoj.

Prezo : 1 ekz — 1 sveda krono, 5 ekz. — 4 kronoj, 10 ekz. — 7,5 kronoj.

BENJAMENO F. SMITH. Historieto pri elfarado de Everett W. Lord, dekano de la Kolegio de Komerca Administrado de Bostona Universitato.

Tiu ĉi libreto, montras kiel laboremulo bonmorala povas sukcesi en Ameriko. Ĝi havas belan aspekton kaj interesan enhavon.

LA ĈARMOPLENAJ MARBANLOKOJ DE LA SUDBELGA MARBORDO. LA PANNE-COXYDE — OOSTDUINKERBE. Gvidlibreto eldonita okaze de la XV[a] Kongreso de Belga Ligo Esperantista, La Panne 23, 24 de Majo 1926.

OVOMALTINO. Broŝureto de propagando de tiu fortignutraĵo eldonita de D-ro A. Wanders S. A., Bern. Fabrikejo de dietaj maltpreparaĵoj. Ĉeffabrikejo en Bern kaj filioj en : London, Budapest, Chicago, Paris, Milano, Osthofen.

PELIKAN. Prospekto en Esperanto de la konataj inkoj por skribi kaj por kopii,skribrubandoj, karbopapero por skribmaŝino kc. *Günther Wagner. Hannover kaj Vieno.*

ĈIES INTERNACIA ESPERANTA STENOGRAFIO. 1 Parto. Korespondada skribo. Aĉetebla ĉe l'aŭtoro. Dyba,ginnazia profesoro. *Berlin — Niederschönhaŭsen, Moltkestr. 4. Germanujo.* Ĉiu parto — 1 Fsv.

BIBLIOTEKO TUTMONDA No. 1. Prosper Mérimée. Mateo Falcone kaj aliaj rakontoj. El la franca lingvo tradukis J. Borel. Eldonita de *Rudolph Mosse. Esperanto-Fako.* Ĝi estas la unua volumo de la unua serio, kiu konsintas el dek volumoj. Bonvolu legi la anoncon kiun ni faras pri tiu tre interesa kaj malkara biblioteko, kiun ĉiu bona esperantisto devas posedi. Mendu ĝin pere de Brazila Ligo Esperantista. Ĉiu serio kostas unu dolaron (8$00C). Adreso: *Jerusalemer Str. 46-49 Berlin SW 19. Germanujo.*

KONGRESA LIBRO. *Universala Kongreso de Esperanto. Edinburgo.* 31 Julio — 7 Aŭgusto 1926. Belega gvidlibro presita sur luksa papero. Ni kore gratulas la L. K. K. ne nur pro tio, sed ankaŭ pro ĝia iom frua sendado al la aliĝintoj.

JARLIBRO *de la Lingva Komitato kaj de ĝia Akademio. 1926.* Eldonita de la *Esperantista Akademio.* Ĝi enhavas la Regularon de la Lingva Komitato kaj listo de la Lingva-komitatanoj. Esperantista Centra Librejo. *51, rue de Clichy. Paris (9e). Francujo. Prezo 2 fr.*

LOCARNO. Renomata loko por fremduloj. La plej milda klimato de la tuta Svinlando Gvidfolio eldonita de «Ufficio officiale di informazioni». Piazza Grande. Locarno. Korespondado en Esperanto.

AŬTUNA FOIRO EN LEIPZIG. Belpresita prospekto pri la Aŭtuna Foiro, okazonta de la 29 de Aŭgusto ĝis 4. de Septembro kune kun la Teknika Foiro.

PROSPEKTO pri la Internacia Ekspozicio pri rivera navigado kaj uzo de hidraŭla forto, okazonta en Basel de la 1a de Julio ĝis la 15a de Septembro 1926.

BUKEDO. Kolekto de literaturaĵoj originalaj kaj tradukitaj de diversnaciaj aŭtoroj. Reviziita de Zanoni. IIa volumo. Eldonita de T. & H. Jung, *Horrem bei Köln, Germanlando. Prezo :* ne montrita.

## Reliefpunkta eldono de la vortaro de Kabe

La internacia brajla literaturo ricevis nun valoran pliriĉigon per la reliefpunkta eldono de la eminenta vortaro de Kabe. Ĝis nun aperis la »unua volumo, kiu enhavas speciale verkitan antaŭparolon de Franz Döriug, Freiburg i. Br., Germanujo, kaj ampleksas la literojn *a* ĝis *g*. La ceteraj volumoj aperos ĝis fino de la jaro. Papero, preso kaj bindo estas bonegaj. La oficiala eldonanto estas la Esperanto-Blindul-ligo de Germanujo (Eblogo). Pro aĉeto oni sin turnu al Presejo de Esperanto-Ligilo, Majorsgatan 12, Stockholm, Svedujo. Jen la unua internacie uzebla leksikono de Esperanto por la tutmonda blindularo esperantista.

Oni intencas poste sekvigi aldonon, kiu enhavos la vortojn ankoraŭ mankantajn, t. e. ne jam uzitajn en la tempo, kiam Kabe kunmetadis sian leksikonon.

(El «*Heroldo de Esperanto*)

———:———



## STATISTIKO

Nombro de artikoloj kaj notoj pri Esperanto aperintaj en la ĵurnaloj kaj revuoj de ni ricevitaj.

APRILO

| | |
|---|---|
| Fortaleza (Ceará) | 1 |
| Victoria (E. Santo) | 2 |
| Petrcpolis (E. do Rio) | 3 |
| Rio de Janeiro | 25 |
| Sumo | 31 |

MAJO

| | |
|---|---|
| S. Salvador (Bahia) | 1 |
| Victoria (E. Santo) | 1 |
| Rio de Janeiro | 35 |
| Sumo | 37 |

JUNIO

| | |
|---|---|
| P. Alegre (Rio G. do Sul) | 3 |
| Rio de Janeiro | 42 |
| Sumo | 45 |

Ni petas al ĉiuj esperantistoj ke ili sendu al B. L- E. ĉiujn ĵurnalojn, almenaŭ eltranĉa ojn de tiuj, kiuj publikigis ion pri Esperanto.



## Tarifo por anoncoj

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 | Paĝo | 30 | Fr. | svisaj | 50$000 |
| 1/2 | » | 20 | » | » | 30$000 |
| 1/4 | » | 12 | » | » | 18$000 |
| 1/8 | » | 8 | » | » | 10$000 |
| 1/16 | » | 4 | » | » | 5$000 |

Rabatoj : 2 enpresoj 5 %, 3 enpresoj 10 % 6 enpresoj 20 %.

Procento al la anonckolektantoj 20 %.

Off. da Pap. Confiança — Andradas, 71